# D-ro Imre Ferenczy: Honora membro de UEA



La Komitato de la Universala Esperanto- Asocio en sia kunveno en Götenburgo kadre de la 88a UK elektis D-ron Imre Ferenczy Honora membro de UEA.

Nia hungara kolego kaj amiko lernis Esperanton en 1950. En la jaro 1955, kune kun Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay, li fondis la Hungarlandan Esperanto-Konsilantaron. Per tiu ĉi evento komenciĝis la progreso de la landa esperantista movado. D-ro Ferenczy diplomiĝis kiel kuracisto en jaro 1957 kaj ĝis 1998 li laboris en la fervoja staciĉdomo de Györ.

Unue, li gvidis la landan junularan movadon; poste, inter 1962 kaj 1970 li gvidis la junularan sekcion de IFEF. Tiam, li partoprenis plurajn IFEF-kongresojn. Ekde 1973, samtempe li estas komitatano de UEA. En la sama jaro, li aktiviĝis ĉe UMEA (medicinistoj). Ekde 1985 li estas la prezidanto de la Universala Medicina Esperanto-Asocio.

Je lia instigo, IFEF dum siaj kongresoj, funkciigas radioamatoran stacion kun speciala voksigno por informi la radioamatorojn de la tuta mondo pri Esperanto kaj pri la kongresaj eventoj. Krom Esperanto-agado, D-ro Ferenczy organizis la landan fervojistan radioamatoran grupon kaj aliĝis al FIRAC. Li uzas siajn eksterkontaktojn per voksigno HA1UD por disvastigi E-on inter la fervojistaj radioamatoroj. Dum la lastaj IFEF-kongresoj okazintaj en Hungario, d-ro Ferenczy deĵoris kiel kuracisto por la kongresanoj.

Ni gratulas nian amikon Imre pro la alta distingo ricevita en Götenburgo dum la 88-a UK kaj deziras al li sanon kaj pluajn sukcesojn en la privata kaj en la movada vivo.

*(Lajos Sleiner)*
*sekretario de la*
*Fervojista E-Fakgrupo*
*Györ*

## La kongresejo de la venonta IFK en Sopron (HU)

**Enhavo**




## *56-a IFEF-Kongreso en Sopron inter la 8-a kaj la 15-a de majo 2004.*

**Poŝta adreso de LKK:56-a kongreso de IFEF**
**Alfonz MORÓ**
**Olga u. 3. HU-7632 PÉCS**

Retadreso: ifk56@freemail.hu

Bank-kontoj de LKK:

- hungara: **Budapest-OTP-11707024-20103899-56-a IFEF-KONGRESO**
- aŭstra: **BIC: BAWAATWW, IBAN: AT 711490022010360416 56-a IFEF-KONGRESO**

## *Nia tuttaga ekskurso*

Tiu ekskurso kondukos nin tra famaj lokoj, kiuj prezentas multon pri naturo, belegaj pejzaĝoj, literaturo, historio kaj arkitekturaj vindindaĵoj.

Nia ekskurso kondukos nin tra la suda parto de la Montaro Bakony, kaj, ĝis la unua stacio Keszthely, ni preterveturos kelkajn historiajn lokojn, ĉe kiuj niaj busoj ne haltos. Tamen ili meritas koncizan mencion. Ni traveturos la urbon Sává, kiu dum la romia imperio estis priloĝita sub la nomo Arrabone. Inter la kunfluo de riveroj Ràba kaj Gyöngyös sur marĉaĵo estis ramparo kun nomo Castrum nigrum. Dum la 16/17-aj jarcentoj, tiu ĉi loko estis kultur-centro; en 1537 oni konstruis lernejon, ĝia instruisto János Sylvester fondis presejon por eldoni la unuan hungaran gramatikon kaj la unuan hungar-lingvan Novan Testamenton. La nuna urbo prezentas multajn arkitekturajn valoraĵojn.

Ni preterveturos la lokon Sümeg, kie oni malkaŝis kvinmil-jaran pra-epokan siliko-minejon.

Proksime de la urbo viziteblas postrestaĵoj de romia kolonio kaj baziliko. Ekde la 13-a jc, ĝi estis la bieno de la episkopoj en Veszprém. La fortikaĵo de Sümeg havis gravan rolon dum la 18-a jarcenta liberecbatalo. Multaj arkitekturaj valoraĵoj de la urbo famas.

Same famas la urbo Tapolca pro siaj keltaj kaj romiepokaj arkeologiaj trovaĵoj. Elstara valoraĵo estas la antaŭ cent jaroj malkaŝita 340 m-ojn longa, "Lagotaverno". Sur la muro de la groto bone videblas geologiaj memoraĵoj. Cetere, la aero de la groto tre akcelas la resaniĝon de spirmalsanoj.

La unua etapo de la tuttaga ekskurso estos la urbo Keszthely. Ĝi estas tre riĉa koncerne la kultur-historion, arkelogion kaj kulturajn institutojn. Krom banloko, ĝi estas frekventata ekskursloko. Najbare, situas la loko Héviz kun mondfama kuracbanejo; krome, la plej konata naturprotektita regiono de la lando: Kis-Balaton (Malgranda-Balatono).

En urbo Keszthely kaj ties regiono oni malkaŝis hunajn ĉefe praturkajn tombopostrestaĵojn. Dum la 15-17-aj jarcentoj ĉi tien kondukis la komerca vojo inter Italio kaj Buda. Jam dum la 15-a jarcento Keszthely estis agrikultura urbo. En la 17-a jc. la turkaj konkerantoj forrabis kaj transformis la urbon. Post la liberiĝo de sub la turka imperio, la familio Festetics aĉetis la lokon Keszthely kaj ties regionon, eĉ la urbeto mem fariĝis grava kultura centro. György Festetics en 1797 fondis la unuan agrikulturan lernejon de Eŭropo sub nomo "Georgikon"; nuntempe ĝi estas "Agrarscienca Universitato". La 12-an de februaro 1817, la plej eminentaj verkistoj kolektiĝis kaj aranĝis kunvenon sub la nomo "Festoj de Helikon".

En la urbo troviĝas multaj arkitekturaj artobjektoj. En la jaro 1386 oni konstruis preĝejon por franciskanoj. Post la turka invado oni rekonstruis ĝin en baroka stilo. Dum la 12 - 15-aj jc-oj, tombejo ĉirkaŭis la preĝejon. En 1808 la ordeno de la "*Prémontrés*" ricevis kaj la monaĥejon kaj la preĝejon kaj ili konstruis gimnazion.

Multaj valoraj konstruaĵoj, arkitekturaĵoj, riĉigas la urbon en la 18-a - 19-a jarcencoj. Ni vizitos la Festetics-kastelon.

La konstruado de la kastelo daŭris inter la jaroj 1745 kaj 1887. En la kastelo troviĝas la kolektoj kaj ekspozicio de la Landa Széchenyi Biblioteko.

Krome, en la urbo funkcias Georgikon Majorsági Múzeum (biena muzeo) kaj Balatoni Múzeum, ĉi-lasta prezentas la sciencan, kulturan historion de la lago Balaton, mineralmondon, ornitologion de Balaton, malkaŝitajn materialojn el la ŝtono - kupro- bronzo - kaj fero - epokoj, historiajn materiojn el la romia imperio, kulturajn objektojn el la patrujokupa epoko, fine ĝi prezentas folklorajn kolektaĵon, belartaĵojn (pentraĵojn, gravuraĵojn) de la Balaton-regiono, la historion de urbo Keszthely. En la tombejo troviĝas interesaj tomboŝtonoj, tombolignaĵoj el jaroj 1757-75.

Proksime troviĝas grava ekskursloko Fenékpuszta (fundostepo), kiu situas sur la duon-insula altaĵo, etendiĝanta al Balaton kun siaj romiepokaj arkeologiaj postrestaĵoj. Ĉi tie funkciis grava "Valcum garnizono" de la romia imperio. Verŝajne ĉi tie naskiĝis la fama Orienta gota reĝo Heodorik la Granda (p. K. 454-526).

La lastaj lokoj de la tuttaga ekskurso estos Szigliget kaj Badacsony, belegaj ekskurslokoj, situantaj sur la norda bordo de la lago Balaton. Ili estas tre riĉaj ripozaj kaj ekskursaj lokoj pro natura pejzaĝo, geologiaj memoraĵoj, kulturhistoriaj eventoj, eĉ nelaste pri fama vino.

La loko Szigliget estas iu el la plej pitoreskaj partoj de la regiono Balaton. Ĝia interno senmanke kaj fidele konservas la veran nocion de la vorto "bosko": belajn arbojn, arbustajn florajn herbokampojn, vinberujojn, printempe florantajn hortojn. Ĉio estas pitoreska, kion la naturo mem establis: la montoj, montetoj, arbaroj kaj la akvo de la lago. La kreaĵoj de la homo estas: vilaĝaj domoj, konstruaĵetoj sur vinbermonto; la nobelaj kurioj majeste riĉigas la pitoreskan



panoramon de la naturo.

Szigliget estas brila perlo de la milkolora balatona pejzaĝo, kiu situas inter la Montaroj Badacsony kaj Keszthely. Kiel la insuletoj, ĝi altiĝis el la kuŝejo de Balaton, kreitaj de vulkanaj fortoj.

En la mezo de la vilaĝo estas la tiel nomata Eszterházy-kastelo konstruita en klasika stilo dum la 19-a jarcento. Ĝi funkcias kiel la "Domo de Artistoj". Granda parko ĉirkaŭas la kastelon en kiu eĉ ekzotikaj arboj kreskas: kaŭkaza abio, rezina cedro, lilio-arbo, el inter ili precipe valora estas giganta taksuso, kies perimetro estas pli ol unu kaj duona metro kaj ĝi altas pli ol 16 m-ojn. Kelkaj skulptaĵoj ornamas la parkon kaj la vilaĝon. Ĉirkaŭ la fortikaĵo, la vilaĝo konservis sian praan formon. Krute grimpantaj vojstrekoj kunligas la domojn. La preĝejo situas sur la plej alta loko ĉe la piedo de la fortikaĵo. Preskaŭ en ĉiu strato oni trovas popoleskan domon el la 18-a kaj 19-a jarcentoj.

La lasta haltejo de la ekskurso estos Badacsony. Ĝi situas sur la bordo de la lago, kaj malantaŭ la urbeto dignoplene leviĝas 440 metrojn alta la relative juna, ĉerko-forma bazaltmonto, iama vulkano, la "baptopatro" de la urbeto Badacsony.

La malkaŝita tombejo pruvas, ke ĉi tie estis keltaj kolonioj dum la 3-a kaj la 2-a jarcentoj antaŭ Kristo. Dum la Romia Imperio oni konstruis vilaojn sur la deklivo de la monto, malkaŝiĝis tomboj, ŝtonĉerkoj, altaroj, skulptaĵoj (Victoria Diana). Jam antaŭ du-mil jaroj oni kulturis vinberon.

Sur la deklivoj de la monto Badacsony, sur la sedimento de la Pannon-maro oni rikoltas la vinberon de Badacsony, el kiu naskiĝas la mondfamaj vinoj: Szürkebarát (griza amiko), Kéknyelű (blu-tenilo), Leányka (knabineto), Zöldszilváni (speciala porrostaĵa vino), kiujn gustumi eblas tie en la speciala etoso de Kisfaludyház" (Kisfaludy-domo), nun ĉardo kaj Vina-muzeo, kie la ekspoziciitaj "objektoj" estas gustumeblaj kaj, ne nun por gastronomoj, ĝueblaj.

La "Kisfaludy-ház" ricevis la nomon laŭ sia iama posedanto Sándor Kisfaludy (1772-1844), poeto, kiu per sia arto direktis la atenton de la legantoj al Badacsony. En sia fama volumo Himfy Szerellmei (Amoro de Himfy) ofte li menciis Badacsony. Li ekkonis sian muzon, Róza Szegdy en vinrikolta halo de Badacsony,

poste burĝonis, ekfloris amoro inter ili, eĉ fine li edziĝis kun ŝi.

Ĉe la piedo de la monto Badacsony situas Muzeo Egry József'. ***József Egry*** estis unu el la plej elstaraj talentoj de la hungara pentroarto dum la XX-a jarcento. Li pentris neforgeseble belajn bildojn pri la regiono de Balaton. La eminenta poeto ***Dezsö Keresztury*** (cetere amiko de J. Egry) jene prezentas la pentroartiston József Egry: "Li havas zelotojn, kiuj nomas lin Bartók de hungara pentroarto..." Bartók kiel la genio de la nova hungara muziko, laŭ homa kaj arta valoroj Egry estigis iun novan, specifan, eksterordinaran. Li pripentris ne la lagon Balaton, sed la mondon de Balaton.

En sia arto li faris konata, sciata kaj majesta siajn konatojn, travivaĵojn kion li ekvidis.

*János Patay*

*Venontfoje aperos la priskriboj de la duontaga ekskurso*

## Kunveno de la Fervojistoj en Göteborg

Dum la 88-a Universala Kongreso ĉi-somere okazinta en Göteborg, Svedio, lunde okazis fervojista kunveno, kiun ĉeestis 50 personoj el dekses landoj.

La kunvenon gvidis inĝ. István Gulyás, vicprezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF). Li raportis pri la 55-a IFEF-kongreso okazinta en monato majo en germana urbo Dresden. Li informis la partoprenantojn pri la sekvontjaraj IFEF-kongresoj, kies planitaj lokoj estas Sopron - Hungario (2004), Braŝovo - Rumanio (2005), Pekino - Ĉinio (2006). Sekvis dudekminuta, tre interesa fakprelego de s-ro E.H. Olsen kun la titolo "Kelkaj similecoj kaj diferencoj inter la nordiaj fervojoj".

La alparolantoj vigle interesiĝis pri la fervojaj vojaĝeblecoj al la IFEF-kongreso en Pekino. Kelkaj proponis aviadile vojaĝi, kelkaj aliaj preferus uzi fervojon kaj aviadilon kombinite. Estis menciinde, ke IFEF havas fervojan terminaron kun 16000 fakesprimoj, tradukitaj je 19 lingvoj. La ĉeestantoj favore akceptis tiun ĉi informon. Oni parolis pri la estonto de la fervojista E-movado. Fine la gvidanto de la kunveno denove esprimis la malfermitecon por membrigi al IFEF ankaŭ aliajn trafikajn Esperantistojn.

*Inĝ. István Gulyás*

## Gratulojn al nia Honora Prezidanto Joachim Giessner

Ne necese fari, al niaj legantoj, specialan prezentadon de nia bone konata Honora Prezidanto Joachim Giessner, kiu festos sian 90 jariĝon la 23-an de decembro 2003.

IFEF-estraro kuniĝas kun ĉiuj IFEF-membroj, amikoj, konatuloj por deziri al nia Honora Prezidanto agrablan festo-tagon.

# PROTOKOLO DE LA PLENKUNSIDO
# en la 55-a IFEF - kongreso en Dresden (DE) 13.05.2003

**Mallongigoj:**

Pr = prezidanto, VP = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto,
Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto,
FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio,
k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego,
l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo IS03166).

**1. Malfermo, konstato, mandatoj**

La Pr Bolognesi salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn.
Ĉeestas estraranoj:
Pr Romano Bolognesi (IT) Vp István Gulyás (HU)
Sk Marica Brletić (HR) ) Ks Laurent Vignaud (FR) Rd Jean Ripoche (FR)
La Pr indikas la aldonon de la punkto 6.1 al la tagordo
La punkto 6.1. Elekto Ĉk kaj anstataŭanto unuanime akceptita
La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn..

| **Lando** | **Kodo** | **Komitatano** | |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Martin | Stuppning |
| Belgio | BE | Lucien | De Sutter |
| Bulgario | BG | Lazar | Karakaŝev |
| Ĉeĥio | CZ | Jindrích | Tomišek |
| Danio | DK | Jan | Niemann |
| Francio | FR | Jean | Rolland |
| | | Sylviane | Lafargue |
| Germanio | DE | Walter | Ullmann |
| | | Rolf | Terjung |
| Hispanio | ES | Marti | Guerrero |
| Hungario | HU | Alfonz | Moró |
| Italio | IT | Vito | Tornillo |
| Kroatio | HR | Zlatko | Hinšt |
| Norvegio | NO | Rolf | Bergh |
| Rumanio | RO | Rodica | Todor |
| Serbio kaj Montenegro | YU | Gvozden | Sredić |
| Slovakio | SK | Magdalena | Feifičova |
| Slovenio | SI | Jovan | Mirković |
| Svisio | CH | Ernst | Glättli |

Ĉeestas 19 voĉdonrajtaj k-anoj.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas bondezirojn kaj salutleterojn de Hm János Patay (HU) kaj s-ro Johann Geroldinger (AT)
La Pr salutas nome de s-ro Pasquale Ceci (IT) - membro de la Honora Patrona Komitato kaj s-ino Delvina Gimelli (IT).

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj pri kiuj oni eksciis de la 54-a IFK-Plovdiv 2002 ĝis la 55-a IFK-Dresden. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta starigado. Ke ili ripozu pace:

| Lando | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskiĝdato | Mortdato | Aĝo | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Karlo | Vavra | | 10/2002 | | |
| Ĉeĥio | Jaromir | Babička | 08/08/1908 | 25/03/2002 | 94 | Hm |
| | Jaroslav | David | 14/03/1919 | 15/12/2002 | 83 | Hm |
| | Marta | Křenkova | 1920 | 28/04/2003 | 83 | multjara membro |
| | Karel | Červenka | 01/05/1945 | 22/02/2003 | 58 | |
| Danio | Karl Johan | Birkbak | 22/05/1921 | 11/01/2003 | 82 | Fidela membro |
| Francio | René | Mallet | 1919 | 02/07/2002 | 83 | |
| | Claude | Dugué | 01/1932 | 14/08/2002 | 70 | |
| Germanio | Kurt-Walter | Friedrich | 04/10/1929 | 22/09/2002 | 73 | |
| | Horst | Krapalis | 14/12/1922 | 24/09/2002 | 80 | |
| | Andreas | Mann | 15/03/1949 | 14/04/2002 | 53 | |
| | Erich | Platek | 1926 | 2002 | 76 | |
| | Peter | Weyer | 1920 | 2002 | 82 | |
| | Johann | Lorenskowski | 26/06/1914 | 26/06/2002 | 88 | |
| | Friedhelm | Lingerberg | 05/07/1930 | 11/12/2002 | 72 | |
| Hispanio | Luis Galindo | Ferruz | 04/08/1932 | 2002 | 70 | |
| | Ramon | Ferrer Purrov | 09/10/1931 | 2002 | 71 | |
| | Jesus Gutiérrez | Pérez | 07/07/1936 | 2002 | 66 | |
| Serbio - Montenegro | Ljubica-Buba | Vertić-Narvala | | | | |
| Slovenio | Dušan | Košić | | | | |
| Norvegio | Odd | Kolbrek | 30/01/1916 | 01/11/2002 | 86 | |
| | Althid | Viksmoen | 1925 | 2002 | 77 | |
| Svisio | Angelo | Mellini | 1934 | 10/09/2002 | 68 | |
| | Carla | Müller | 1924 | 12/11/2002 | 78 | |

**4. Estraraj raportoj**

***4.1. Sekretario***

La Sk legas la konkludon de sia raporto. La raporto aperos en IF 2003.3.)

*Aprobita kun unu sindeteno.*

***4.2. Redaktoro*** (IF 2003.1. paĝo 2)

Unuanime aprobita

***4.3. Kasisto*** (IF 2003.2. paĝo 21)

La Ks klarigas la ciferojn kaj modifas la membrostaton por Danio, Hispanio kaj Slovakio. Oni devas aperigi la ŝanĝojn en la sekvonta IF.

*Unuanime aprobita.*

**5. Protokolo Plovdiv (BG)**

(IF 2002.6. paĝoj 86-89)

*Unuanime aprobita.*

**6. Raporto de la ĉefkomitatano**

Aperos en IF 2003.4

La Ĉk Jindrich Tomišek raportas. La Cirkulero kaj Demandilo estis dissenditaj al ĉiuj l.a. Alvenis jarraportoj el 19 l.a. La Ĉk partoprenis IFEF estrarkunsidojn kaj kelkajn eksterlandajn E.-renkontiĝojn, instigis spertajn unuopulojn aliĝi al UEA kiel fakdelegitojn pri fervojo (verŝajne sukcesis plialtigi la membronombron je 5 personoj), kontaktis kun membroj en landoj, kie ne funkcias l.a. kaj kun IFEF

Ks kompilis indikojn el landaj jarraportoj por eldoni Adresaron de IFEF.

*La raporto unuanime aprobita.*

***6.1. Elekto Ĉk kaj anstataŭanto***

S-ro Jindrích Tomišek pretas daŭrigi la taskon de la Ĉk . S-ino Magdalena Feifičova rezignas kiel anstataŭanto.

S-ro Tomišek dankas al s-ino Feifičova pro ŝia ĉiama preteco por helpi solvi la taskojn aŭ problemojn kunligitajn kun la funkcio de la ĉefkomitatano.

S-ro Tomišek proponas s-inon Rodica Todor (RO) kiel anstataŭanton.

Post la voĉdono, kun unu sindeteno Jindrích Tomišek (CZ) estas reelektita kiel Ĉk kaj Rodica Todor elektita kiel anstataŭantino.

**7. Kongrespropono(j)**

- Laŭ la propono de s-ro Peyrouty pri en-meto de la IFEF-devizo al la Statuto, estas akceptite ne ŝanĝi la Statuton sed aperigi la devizon sur la frontpaĝo de IF.

*Unuanime aprobita.*

- IFEF honorigas s-on Ladislav Fiala (CZ) per Diplomo pro eksterordinaraj meritoj subtene al IFEF kaj s-on Vojtěch Zelenka (CZ) kiel membron de Honora Patrona Komitato.

*Unuanime aprobita.*

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

***8.1. Gvidanto***

S-ro Niemann laŭdas la sekretariojn kiu faris preskaŭ ĉiun laboron por la Sekcioj.

***8.2. Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)***

Fervojfaka Kajero numero 11 kun ĉefe fakaj artikoloj el IFK en Plovdiv kaj la rakonto de s-ro Dieter Hartig estas eldonita.

S-ro Niemann rekomendas pli multe uzi fakan lingvon dum prelegoj kaj dankas al s-ro Bodo Erlich pro iniciato organizi la ekspozicion dum kaj post la kongreso.

S-ro Sredić sugestas aperigi fakartikolojn en naciaj gazetoj.

*La raporto unuanime aprobita.*

***8.3. Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)***

- D-ro Hoffmann raportas pri ĝojaj kaj malĝojaj aferoj.

Aperis nova Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (PIV 2), kie eblas trovi la rezultojn de streĉa laboro de TS inter 1996 kaj 1998.

Rilate al fervojfakaj vortoj, la responsuloj pri PIV promesis akcepti fervojfakajn korektojn pri kiuj TS pridiskutos kaj decidos dum ĉi tiu kongreso.

Menciinda estas la laŭdo de la ĝenerala gvidanto de la PIV-revizio, Michel Duc-Goninaz kiu priskribis en antaŭparolo ke labormetodo de TS de IFEF montriĝis kiel modela.

- Same, aperis CD-ROM disketo kun la 3-a eldono de la datumbanko RailLexic en 19 lingvoj. IFEF ricevis 5 senpagajn ekzemplerojn.- La terminologia laboro ĉe UIC stagnas, ĉar, laŭ la responsulino s-ino Hoppe, la grupa laboro kvazaŭ fiaskis ĉar mankas kompetentaj fakuloj kaj la grupo ne havas decidorajton.

*Raporto unuanime aprobita.*

**9. Raportoj de la komisiitoj**

***9.1. Skisemajno (IFES) 2003*** (IF 2003.2. paĝo 28))

S-ro Peyrouty (FR) informas pri sukcesa 44a IFES en Kunčice pod Ondrejnikem (CZ) kun 30 partoprenantoj el 6 landoj.

*Raporto unuanime aprobita.*

***9.2. Fervoja Koresponda Servo (FKS)***

S-ino Rodica Todor (RO) informas ke s-ro Porupca demisiis la funkcion. Ŝi proponas s-ron Dan Dragos Aldea (RO) kiel novan gvidanton de FKS.

*Unuanime aprobita.*

Rimarko de la Sk: post la kongreso sed antaŭ ol fini la protokolon la Sk rete ricevis la salutleteron de s-ro Porupca inkluzive kun la raporto. Li informas pri 60 mesaĝoj (ĉefe retpoŝte) el 18 landoj.

***9.3. Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA***

La Vp István Gulyás raportas pri la 87-a UK okazinta en Fortaleza (BR), 03-10.08.2002. La kongresa temo estis «*Diverseco – ŝanco ne minaco*»; partoprenis 1500 ĉeestantoj el 58 landoj. La fervojistan kontaktkunvenon partoprenis 16 gekongresanoj el 7 landoj.

S-ro Gulyás gvidis la kunvenon, raportis pri la 54-a IFK kaj informis pri la venontaj IFEF- kongresoj.

Ĉeestantoj interesiĝis precipe pri la IFEF kongreso okazonta en Ĉinio. La brazilaj fervojistaj esperantistoj esploras la eblecon aliĝi al IFEF, ĉu kiel l.a. ĉu kiel individuaj membroj.

Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2002 el la landaj asocioj**

La Vp resumas la raportojn. La teksto aperos en IF.

*Unuanime aprobita.*

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

En Svedio fervojistoj ne rajtas senpagajn biletojn ĉar Svedio forlasis FIP.

Ĉinio devus eniri en FISAIC se ĝi deziras organizi IFEF kongreson.

**12. Buĝeto 2004 kaj kotizkonfirmo**

La Pr klarigas buĝeton 2004 kaj proponas ke la buĝeto kaj la kotizo restu la sama kiel en la jaro 2003.

*Unuanime aprobita.*

**13. Laborplano**

Al la Laborplano aperinta en IF 2002.5. oni aldonu la punkton:5.5.: uzi la elektronikan poŝton.

*Unuanime aprobita.*

**14. Rilatoj kun aliaj organizoj**

*14.1. UEA*

UK 2004 okazos en Ĉinio (eblas la ŝanĝo de la kongresa urbo – pro la famkonata malsano „saars“)

UK 2005 okazos en Litovio (LT) en urbo Vilnius.

UK 2006 eble okazos en Japanio.

***14.2. FISAIC***

S-ro De Sutter prezentas la Statuton de FISAIC en la franca, germana kaj angla lingvoj kaj legas la regulon laŭ kiu Esperanto estas nur helpa lingvo.

**15. Venontaj kongresoj**

***15.1. Konfirmo de invito al la 56-a IFK (HU) kaj (AT) 2004***

La urbo Sopron (HU) estas unuanime aprobita kiel kongresurbo de la 56-a IFEF kongreso kiu okazos 08-15.05.2004

***15.2. Elekto de lando por 2005, la 57-a IFK***

Rumanio invitas al la 57-a IFEF kongreson en la jaro 2005, verŝajne en urbo Brasov (RO).

Unuanime aprobita.

***15.3. Diskuto pri pluaj eblecoj***

Ĉinio anoncas sin por la jaro 2006.

Ĉinio devus antaŭe aliĝi al FISAC.

**16. Venontaj IFES 2004 kaj 2005**

IFES 2004 okazos en Saint-François-de-Longchamp (FR)

Por 2005 sin anoncas ES.

**17. Eventualaĵoj**

S-ro Terjung anoncas eblecon aĉeti la video-bendon pri IFK Plovdiv kontraŭ 10 EUR.

La kongreson ĉeestas 254 gekongresanoj el 19 landoj.

**18. Libera diskutado**

La Pr rekomendas daŭrigi la diskuton dum la forumo pri la Movadaj aferoj.

Zagreb, la 26-an de septembro 2003

Protokolis la Sk
*Marica Brletić*

# Kunvenoj ĉe IFEF

De la 25-a ĝis la 27-a de septembro 2003, la venonta IFEF-kongresa urbo Sopron en Hungario estis elektita kiel rendevua loko por la LKK-anoj de la 56-a IFK kaj la IFEF- estraroj. Ni estis akceptitaj en agrabla gastejo nomata « Panzio Diana » situanta rande de bela arbaro. La urbo Sopron troviĝas proksime de la aŭstra-hungara landlimo.


La monaĥejo Pannonhalma

Jaŭde matene, LKK-anoj de la 56-a IFEF-kongreso kunsidis por pripensi la farontaĵojn kaj solvi la problemojn, por ke la venontaj kongresanoj travivu la eventon en agrabla etoso. Pri tio, ni povas plenfidi je la kapablo de niaj aŭstrahungaraj kolegoj por bone aranĝi nian ĉefan jartravivaĵon.

Jaŭde posttagmeze kaj vendrede laŭvice la IFEF-estraroj kunvenis kaj plueniri en la estontecon de la IFEF-movado. Laŭ sia propra fako, ĉiu kunlaboranto detale rilatis la faritajn taskojn kaj, konsiderante la vidpunkton de la aliaj kolegoj, proponis farotajn agadojn. Kiel kutime, ĉiuj laborkunvenoj fariĝis en agrabla etoso.

Sabate, ni profitis nian ripoztagon por viziti la regionon kun la sperta gvidado de D-ro Imre Ferenczy. Ni ekskursis al la apuda urbo Györ. Matene D-ro Ferenczy turisme kaj historie pridetalis sian urban loĝlokon. Post vizito de diversaj vidindaĵoj, posttagmeze nia ĉiĉerono, peraŭtomobile, veturigis nin al la proksima monaĥejo de Pannonhalma konstruita antaŭ unu miljaro je la honoro de sankta Martin.


*IFEF-estraranoj staras antaŭ la kongresejo*

La venonta IFEF-estrarkunveno okazos en Quiberon (Francio) la 1-an kaj 2-an de aprilo, tuj post la nacia kongreso de FFEA.

*Jean Ripoche*

# La 55-a Kongreso de la Bulgara Esperanto-Asocio (BEA)

De la 29-a ĝis la 31-a de aŭgusto en urbo Pleven okazis la 55-a kongreso de BEA.

La plevenaj ge-esperantistoj ege bone organizis la kongreson ĉar ili ankaŭ festis la 100-an jariĝon ekde la komenciĝo de Esperanto Movado en la urbo Pleven.



*La fervojistaj partoprenantoj en la BEA-kongreso*

La slogano-moto de la kongreso indikis ***"Por paco, pura ĉielo kaj eterna amikeco".***

Je la nomo de la urba estraro, la vicurbestro d-ro MATEEV salutis la kongresanojn kaj bondeziris sukcesan kaj fruktodonan laboron.

Por la favoraj rilatoj al esperanto-movado, per ora medalo, li estis distingita de la prezidanto de BEA, s-ro Petar TODOROV okaze de la 100-a jariĝo de Monda Esperanto Movado. Per sama medalo estis ankaŭ distingita la prezidanto de la urba societo "***Eterna Amikeco***" s-ino Maria Nikolĉeva.

Ĉirkaŭ 200 geesperantistoj el la tuta lando ĉeestis la kongreson. Ankaŭ ĉeestis gastoj fremdlandaj.

La prezidanto de BEA Todorov raportis pri la unujara agado de la asocio. Ĉefe, li anoncis, ke BEA faris mendon al UEA por organizi UEA-kongreson dum iuj el la sekvontaj jaroj. Fine per baloto estis elektita la lokon de la sekvonta kongresurbo inter Haskovo kaj Varna.Gajnis Haskovo.

Vespere je la 20.30h okazis bankedo. La vespermanĝo estis abunda, la orkestro bonkvalita, la humoro gaja. Ĉiuj manĝis, trinkis, dancis kaj amuziĝis ĝis malfrua nokto.

En la kongreso de BEA partoprenis 25 geesperantistaj fervojistoj de la Bulgara Fervojista Esperantista Sekcio (BFES), ĉe la BEA. En nia kunsido dum la kongreso, la prezidanto de la sekcio s-ino Veselka Kamburova raportis pri la 55-a IFEF kongreso en urbo Dresden - Germanio. Ŝi ankaŭ prezentis eldonitan Terminaran Vortaron-Esperanto/Bulgara. La kunsidaro elektis la lokon de la sekvonta 23-a konferenco de BFES. Ĝi okazos en ripozloko "Panicite" regiono de urbo Dupnica, dum monato oktobro, ĉijare.

*Tonco VALEY*
*Prezidanto de la societo*
*"FERVOJISTO"*
*urbo Stara Zagora Bulgario*

# Jarkonferenco en Ĉeĥio

En netradicia tempo, koincide kun solenado de la 120-a datreveno de trafiko sur fervoja linio Krupá - Kolešovice, aranĝis la Ĉeĥa landa asocio de IFEF - FISAIC ČD (ĈD) ankaŭ en 2003 sian tradician, jam la 37-an jarkonferencon.

Ĝi okazis de la 3-a ĝis 5-a de oktobro en Praha kaj partoprenis ĝin ankaŭ eksterlandaj gastoj el kvar landoj.

Dum laboraj partoj de la konferenco, okazintaj en belega kaj riĉe ornamita "Prezidenta salono" en stacidomo Praha la Ĉefa Stacio, oni pritraktis la agadon inter jarkonferencoj kaj starigis taskojn por venonta periodo.

Ĉeĥa LA de IFEF bone kunlaboras kun landa asocio de FISAIC ČD kaj ricevas de ĝi organizan kaj financan subtenon.

Al mankoj apartenas kiel en aliaj mezeŭropaj landoj konstanta malkresko kaj plimaljuniĝado de la membraro, precipe pro konstruado de la koridoroj, enkondukado de la tekniko kaj aŭtomatigado de iuj trafikaj agadoj.

Salutojn de eksterlandaj fervojistaj asocioj transdonis Martin Stuppnig (Aŭstrio), Heinz Hoffmann (Germanio) kaj Férenc Phersy (Hungario); por Pollando salutis kaj pri la enlanda situacio mallonge informis Halina Fiala el Varsovio.

Al la programo, i.a. kontribuis inĝ. Ladislav Kovář per interesa prelego (kun uzo de sia komputilo) je titolo "Pendolino fine ankaŭ trafikas en Ĉeĥio" kaj d-ro Heinz Hoffmann per sia pritrakto de terminara agado en la Terminara sekcio de TK de IFEF.

Sabato apartenis pliparte al faka ekskurso. Oni komune vojaĝis per nostalgia trajno trakciata per historia vaporlokomotivo 434.2186 el stacio Praha - Masarykovo nádr. tra Kladno al Lužná u Rakovníka (64 km), kie oni vizitis la plej ampleksan en Ĉeĥio Fervojistan muzeon de la Ĉeĥaj fervojoj ČD.

En la muzeo oni povas vidi la plej nombran kolekton de la historiaj surrelaj trafikiloj en Ĉeĥa Respubliko. Kelkaj dekoj da diverstipaj vaporaj, dieselelektraj kaj motoraj lokomotivoj, pasaĝeraj, fervojservaj kaj diverstipaj varvagonoj, neĝplugiloj kaj aliaj maŝinoj kompletigas la kolekton.

La subtegmentaj ekspozicioj prezentas riĉajn kolektojn de la dokumentoj, fotografoj kaj objektoj el historio de la fervojo kaj fervoja trafiko.

Intereson vekas ankaŭ ekspozicio pri modeloj kaj trafikado sur miniatura trakaro en grandeco tipo HO.

Dimanĉe, antaŭtagmeze oni en grupoj vizitis promenante la ĉefurbon Praha kaj ties memorobjektojn.

La etoso dum la jarkonferenco estis bona, malgraŭ la nestabila pluva vetero dimanĉe, kiam oni, pro pluvado, interkonsente pli frue finis la urbpromenadon.

Je adiaŭo, la partoprenantoj kore dankis pro agrabla, bone organizita semajnfino.

Jindřich Tomíšek

# Rumana jarkunveno 2003 en Bucuresti

De jaroj mi jam intencis partopreni jarkunvenon (jk) de rumanaj gekolegoj, sed pro la longa distanco inter Berlino kaj Rumanio mi ne sukcesis, nur por semajnfino ĉi tien vojaĝi. Finfine ĉi-jare mi partoprenis ĝin, ĉar mi portempe laboras en Bucuresti. Hazarde ankaŭ la jk okazis en la rumana ĉefurbo. Mi limigas mian raporton al sabato, la tago de la ĉefaj aranĝoj (vendredo kiel kutime la interkona vespero kaj la dimanĉo estis vizito de la parlamentejo, la t.n. Ceaucescupalaco .. ).

Jen, sabato: ĝi komenciĝis per la laborkunsido, bedaŭrinde por mi, kiel nura eksterlanda partoprenanto rumanlingve, sed feliĉe - la jarraporton prezentis la REFA-prezidanto E-lingve. Ĝi estis vere ampleksa kaj enhavoriĉa kaj ne ekskludis la kritikendajn punktojn, nesolvitajn aferojn en la sekcia laboro kiel ekz. nesufiĉan lingvokonon de multaj membroj (tion mi mem spertis, kiam mi alparolis iun koleg(in)on kaj ricevis respondon germane aŭ angle aŭ - tute ne ..,) kaj mankantajn novajn kursojn. Ĉefa temo de diskutado ŝajnis al mi, jam la IFK 2005, kiu, kiel konate okazos en Brasovo. Laŭ mia nuna sperto post preskaŭ duonjara restado en tiu ĉi bela lando mi jam nun alvokas la fervojistan kolegaron en kaj ekster Eŭropo nepre partopreni ĝin, ne nur, ĉar la kongresurbo mem estas vizitinda pro belega montara ĉirkaŭaĵo, sed ankaŭ pro tio, ke en Brasovo agadas la plej forta kaj verŝajne ankaŭ plej juna Eo-grupo de la rumanaj fervojistoj. Kaj ili akceptas gastojn tre kore kaj amikece.

Mi havis la eblecon tri semajnojn antaŭ la jk partopreni FISAIC-kunsidon tie ĉi, en kio E-o ludis gravan rolon. Ĉeestis signifa nombro da altpostenaj CFR-direktoroj, de turisma sekcio kaj eĉ la nuna rumana ambasadoro en Egiptio.

Niaj rumanaj gekolegoj bonege kapablas interesi sponsorojn ekstere de E.o-movado por la fervojista E. o.-agado. Motoro de tio estas la nuna FISAIC-Vp Stefan Mihai.

Sed denove pri la jk: Fine de la kunsido estis prezentita lumbildprelego pri la Danubo-pontoj en Rumanio (ĝi memorigis min pri iama faka jk-temo "fervojaj pontoj" de nia fervojista fakgrupo en eks-GDR). Tagmeze okazis ekskurso al belega kastela ensemblo proksime de Bucuresti, nomita Mogosani - laŭ rumana nobelulo, kiu en la rumana historio ludis gravan rolon. Li estis murdita de la turkoj kun ĉiuj siaj filoj en Istanbulo.

Post la reveno al Bucuresti iam komenciĝis la vespera programo per festa kaj riĉa vespermanĝo kaj la danc"vespero" daŭris ĝis la mateno.

Finante, mi dankas la respondeculojn por la jk kaj volonte esprimas mian certecon, ke en jaro 2005 nin atendos interesa, kultur- kaj travivriĉa Internacia Fervojista Kongreso kun multnombraj E-o parolantaj rumanaj gekolegoj!

*Arhim Meinel*
*Resident Engineer OHLE*

# GRAND-KVANTA EKSPORTO DE ĈINAJ VARVAGONOJ AL PAKISTANO

La subskriba ceremonio de la kontrakto pri la eksporto de ĉinaj varvagonoj al Pakistano kun la sumo de 1300 vagonoj okazis en la Popola Halo de Beijing. La ceremonion ĉeestis la vicministro de la Ĉina Fervoja Ministerio s-ro Peng Kaizhou, la vicministro de la Ĉina Ministerio de Fremdaj ekonomio kaj komerco s-ro Wei Jianguo kaj la ministro de la Fervoja ministerio de Pakistano sinjoro Ghous Bux Maharl.

La varvagonoj estos liveritaj de la Elektra Grup-Kompanio Oriento kaj Meishan Vagon-produktejo de Vagon-industria Grup-Kompanio Sudo de Ĉinio.Tio estas la plej grand-kvanta kaj grand-valora komerca kontrakto pri eksporto de la ĉinaj varvagonoj al la internacia merkato.

Laŭ la informo, la eksportotaj 1300 fervojaj varvagonoj, inkluzive de nekovritaj vagonoj,konteneraj platvagonoj, ŝirmkovritaj vagonoj, kondukistejaj vagonoj, estos produktitaj en Meishan Vagon-produktejo de la Suda Vagon-industria Grup-Kompanio.

La Kompanio estas la grandtipa entrepreno, kies vagonoj estis eksportitaj al pli ol 20 landoj kaj regionoj en la mondo, speciale farante instalaĵojn de ret-trafiko.

En 1988 la metroŝpuraj sukerkanaj vagonoj, lignaj vagonoj, kondukistejaj vagonoj, faritaj en la Vagon-produktejo de Birmo estis la unuafoje eksportitaj al la internacia merkato. Sekve la metroŝpuraj kontener-platvagonoj, petrolcistern-vagonoj, varvagonaj boĝioj kaj aliaj produktaĵoj, esploritaj kaj faritaj de la Vagon-produktejo estis eksportitaj multfoje kaj pogrande al Tajlando, Vjetnamio kaj aliaj landoj de sud-orienta Azio. Rimarkinde estas, ke la cementvagonoj multfoje estis reaĉetitaj sur la internacia merkato pro la elstara kvalito kaj ankaŭ la bona servado. Nun la Vagon-produktejo eksportis totale preskaŭ 1000 varvagonojn al la internacia merkato kaj gajnis la fremd-valuton de pli ol 40 milionoj da usonaj dolaroj

*HAN Zuwu,*
*vicprezidanto de la*
*Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

INTERNACIA FERVOJISTO
55-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de
**Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro: Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72230 Arnage - France**
**Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39**
**Retadreso:**
**Jeanripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso:
Lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso: kozsu13@freemail.hu

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
Retadreso: marica.brletic@hznet.hr

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
Retadreso:
Laurent.Vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**

ISSN 1397-4270

VIG 2003.026

# Fervojfaka apliko de Esperanto

Dum la Universala Kongreso en Gotenburgo ni aŭdis multon pri apliko de nia lingvo en sciencaj terenoj.

Kaj malantaŭ la literoj de KAEST-aranĝoj en Ĉeĥio ja kaŝas sin kolokvo/konferenco pri Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko. Tial, la Fake Aplika Sekcio de la Faka Komisiono de IFEF nun provas akceli la aplikon de Esperanto en fervojfaka kampo.

En la kongreso en Dresden ni prezentis la 11an kajeron de la Fervojfakaj Kajeroj de IFEF, sed la intereso pri ĝi fare de la kongresanoj estis modera. En certaj interlingvistikaj rondoj la intereso ŝajnas pli granda, nome ke tiaj kajeroj prezentas kaj reprezentas valoran materialon kiel provojn de faka literaturo en Esperanto.

Kvankam dum la lastpasintaj dek du jaroj ni eldonis 11 kajerojn kun plej diversspecaj artikoloj, ni devas konfesi, ke ne tre sisteme ni klopodis vendi kaj popularigi ilin. En la gotenburga UK ni prezentis la kajeron al la libroservo de UEA, sed la respondo estis, ke ĉar ĝi – ekde n-ro 11 – posedas ISSN-numeron (1602-3730), ĝi estas periodaĵo, kiu aperas kun regula aŭ neregula ritmo, kaj ĝi ne povas eniri la ordinaran libroservan sistemon. Tial, ekde nun, la kasisto de IFEF, s-ro Laurent Vignaud, prizorgas la distribuon/vendadon de la kajeroj.

Ĉiu landa asocio de IFEF ricevis pere de sia komitatano, ĉu en la IFK, ĉu poste poŝte, ekzempleron de la kajeroj, kaj la tasko de la ricevinto kompreneble estas loke anonci/reklami ĝin, por ke interesatoj povu vidi aŭ akiri ĝin. Landaj membroj de la Fake Aplika Sekcio, kiuj ne posedas la kajerojn, bonvolu kontakti sian komitatanon aŭ la IFEF-kasiston.

Redaktoroj de landaj organoj estu petataj recenzi kaj popularigi la kajerojn, kaj en la venontaj numeroj de IF ni intencas informi pli detale pri tiuj pruvoj de faka kapablo de nia lingvo.

*eho*